*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj





**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Bob Felby**

**PLENUMITA 01/08/2019 Kvarcenttrideksepa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

## Rapide ekrigardu ĉiujn titolojn.

## Legu tiujn kiuj interesas vin

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj*** *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* *Duolingo* *Google Translate* *Pasintaj AE eldonoj* *duolingo entute* *lingvohelpilo* *Esperanta Retradio* *Esperanta himno* *PMEGramatiko* *openclipart.*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 840,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 312,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas 295,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas 233,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.". N.ro.79






Ankaŭ la participaj adverboj povas ĉehavi la Objekton kaj Adjektojn: "Li vojaĝis hejmen, vizitinte PLURAJN LANDOJN EN AZIO". Ankaŭ ĉi tie oni kutime ne, kvankam permesite, inversas la vicordon: "Li retrovenis PLURAJN LANDOJN EN AZIO vizitinte".

En Esperanto participoj estas speciala speco de adjektivoj, ĉar ilia verba radiko povas, kiel verbo, ĉehavi Objekton kaj Adjektojn.

En etnaj lingvoj participoj estas speciala formo de verbo kiu povas uzati kiel adjektivo kaj tamen retenas la verban rajton ĉehavi Objekton kaj Adjektojn.

Lingvoscience la sistemo de Esperanto estas la ĝusta, kaj la sistemo de la etnaj lingvoj estas malĝuste nomata, ĉar esence tie la kun helpverbo uzata participo estas predikativo, kiu ja estas AŬ adjektivkaraktera AŬ substantivkaraktera kaj -funkcia (kion ankoraŭ pruvas kelkaj ĝermanaj lingvoj).

*Marcel Leereveld*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

***Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.*** rspring@tpg.com.au

# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf
Unu taso da klubpagota kafo atendas vin.
La 3a de aŭgusto estos la unua sabato. Venu! Vizitantoj estos bonvenaj *Roger Springer*

# Supre estas ekzemplo de facila kluba raporto.

Ĉu la sekretario de via klubo povus sendi similan novaĵon pri via klubo?? rspring @tpg.com.au
Poste la mondo ekscios ke via klubo aktivas. *Roger Springer*

# LA FELIĈA GREKA GOLFLUDANTA OLDULO

80-jarulo greka vizitas sian kuraciston.
La kuracisto miregas pro la bonaspekto de la homo kaj enketas, ”Kiele vi restas en tiom bona fizika stato?”
“Mi estas Greko kaj golfludanto,”diras la oldulo, “kaj pro tio mi estas en tiel bona kondiĉo. Mi ellitiĝas antaŭ la sunleviĝo ĉiun tagon kaj iras golfludi laŭ la ŝaneloj. Tiam mi trinkas glason da ouzo kaj ĉio estas en ordo.”
“Nu,” respondas la kuracisto, “sendube tio helpas, sed devas esti pliaj kialoj. Kiomjara estis via patro kiam li mortis?”
“Kiu diris, ke mia paĉjo jam mortis?”
La kuracisto miregas. “Vi volas diri, ke vi estas 80-jara kaj via paĉjo ankoraŭ vivas? Kiomjara estas li?”
“Li estas centjara,” diras la greka golfludanta oldulo. “Fakte, li golfludis kun mi ĉi-matene, kaj poste ni piediris laŭ la strando. Jen la kialo de lia longdaŭra vivo: li estas Greko kaj li ludas golfon.
“Nu,” respondas la kuracisto, “tio vere bonas, tamen mi certas, ke estas pliaj kialoj. Kiomjara estis la patro de via patro kiam *li* mortis?”
“Kiu diris, ke mia avĉjo mortis?”
Preskaŭ paralizita la kuracisto demandas, “Ĉu vere vi estas 80-jara kaj via avo ankoraŭ vivas?? Nekredeble! Kiomjara estas li?
“Li estas 118-jaraĝa,” diras la greka golfludanta oldulo.
La kuracisto nun komencas konsterniĝi: “Do, mi supozas, ke ankaŭ li golfludis kun vi ĉi matenon?
“Ne. Avĉjo ne povis iri ĉi matenon, ĉar hodiaŭ li edziĝas.”
Je ĉi tiu punkto la kuracisto preskaŭ frenezas. “Edziĝas!! Kial 118-jarulo volus edziĝi??”
“Kiu diris, ke li VOLAS edzigí?” ☺ *Vera Payne*

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

.*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au




*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*













Malofte E-romanoj estas tradukitaj alilingven, sed "Flugi kun kakatuoj" aperis germanlingve en verva traduko de Christian Cimpa. Do nun ĝi estas havebla en 4 lingvoj (la aŭtoro povas vendi en 3 lingvoj, sed ne en Esperanto).

Amike,
*Trevor Steele*



# Kia stulta mondo !!



Ekonomiistoj diras ke homoj devas aĉeti nenecesajn aferojn por subteni la ekonomion. Ili kredas ke la forĵetindaĵo (WASTE) povas savi la nunan ekonomion! Sed tro da homoj, limigitaj rimedoj, limigita dolĉa akvo, ktp, ktp, ne subtenos la planedon.
La mondo bezonas novan ekonomian sistemon. Eble universala baza enspezo ŝparus nian planedon. KION VI OPINIAS?

*Roger Springer*

# Mi estas ĝardenadolaiko .



## MIA ĜARDENO KAJ MI .

Hura!!! Antaŭ kelkaj tagoj subite mia dua akacio komencis flori en maro da flavo. Belega!



Dum mia vivo en Nederlando, 35 jarojn, mi neniam laboris en mia ĝardeno, kiam mi havis unu. Dum mia vivo en Aŭstralio, 65 jarojn, mi ĉiam loĝis en domo kun ĝardeno kaj mi ĉiam uzis tempon por labori en la ĝardeno, la lastajn kvindek jarojn multe. Sed mi estis kaj plu estas kompleta laiko pri ĝardenado, neniam lerninte iom ajn pri ĝardenado kaj plantoj, pro tempomanko. Kvankam do mi estas kompleta laiko en tiu kampo, mi tre ŝatis la ĝardenadon kaj la plantojn, preskaŭ same multe kiom mi ŝatis mian specialaĵon intelektan, la lingvojn kaj ilia arĥitekturo. Pri la lasto vi do preskaŭ neniam aŭdas el mi erarojn, dum pri plantoj kaj ĝardenado vi regule aŭdas aŭ erarojn aŭ mankon de scio. Pri la lasta mi do estas laiko, kaj pri la unua mi estas mallaiko. Aliaj mallaikoj verŝajne nomas sin spertuloj aŭ specialistoj aŭ sperteguloj aŭ majstroj. Por ke vi ne pensu, ke mi estas spertulo pri pli ol unu afero. Eĉ ne pri amo. Kelkaj homoj estas spertuloj pri pli ol unu scienca afero. Bonan ŝanĝon al ili!



*Marcel*.

## NIAJ MALLIBERULEJOJ .

Hieraŭ mi vizitis amikon en malliberejo, kiu estas tie ĉar li faris krimon neatakeman. Min trafis la bona organizado. Ĝi estas farmo en malurba Viktorio. La krimuloj do faras farmolaboron, se ili volas, kaj eĉ ricevas iom da salajro pro tio. Ili vivas tie je la kosto de la viktoria, do via kaj mia, registaro, grava elspezo por ni. Sed almenaŭ la krimuloj estas bone prizorgataj, escepte ke ili neniam rajtas eliri el la malliberejo dum siaj deĵoroj tie. Preskaŭ

ĉiuj havas edzinon, kaj pluraj gefilojn, kiuj regule rajtas viziti ilin.
*Marcel*.



## POR GRAMATIKOLAIKOJ .

**V O R T O .**

La plej mallonga sed klare difinita kaj limigita parto de ideo aŭ de mensa bildo.

**S U B S T A N T I V O .**

Vorto esprimanta personon, estulon, objekton, aferon aŭ ideon.

**V E R B O .**

Vorto indikanta kion faras aŭ kiel situigas certa substantivo en la mensa bildo.

**PRI LA SUBSTANTIVO .**

Kiel ĉiu ideero de bildo la substantivo indikas la tuton de la bildero indikata, ekz "tablo" indikas la tutan tablon, ne tablon sen siaj kruroj.

**PRI LA VERBO .**

Ankaŭ la vorto por ago aŭ por situo, la verbo, indikas la tutan agon aŭ situon, de komenco ĝis fino, En Esperanto nur la vortoj finiĝantaj per -as, -is, -os, -us aŭ –u estas verboj.
Se la vorto indikas nur parton de la ago, kiel "manĝanta", ĝi ne estas verbo,
kaj se la vorto indikas pli ol la ago (do kiam ĝi estas parto de kombinaĵo de bilderoj),
kiel "manĝinta", ĝi en Esperanto NE estas verbo.

**PLI PRI LA VERBO.**

Oni povas observi la bildon, la okazaĵon, ekz. "La viro batas la hundon", el diversaj vidpunktoj, kaj tio ne ŝanĝas la bildon, la okazaĵon. Jen la kvar diversaj vidmanieroj de la observanto. Notu ke la bildo, la okazaĵo, dum tiuj kvar vidmanieroj tute ne ŝanĝiĝas.

**A k t i v o .**

"La viro batas la hundon".

Oni unue rigardas la viron kaj post tio kion li faras, "batas", kaj fine la hundon.

**P a s i v o .**

"La hundo batatas de la viro".

Oni unue observas la hundon kaj post tio diras kion ĝi suferas, kion ĝi pasive faras, nome "batatas". Fine, se oni volas, oni mencias kiu aŭ kio kaŭzas la batojn, "de la viro".
Oni do vidas la bildon returne, retroe, el de la fino de la okazo, de la bildo, al la komenco.
Notu ke dum la ŝanĝo de la observadmaniero la bildo mem restas la sama.

**M e d i a l o .**

El la Aktiva "La sekretario komencas la kunvenon",
"La kunveno komenciĝas".

Same kiel ĉe la Pasivo, oni unue observas la finon de la bildo, "la kunveno". Post tio oni mencias la agon KVAZAŬ IU AŬ IO FARAS ĜIN sed oni ne scias aŭ ne volas mencii la originan aktivan aganton (la sekretario) ĉar oni ne interesiĝas pri tio. Oni interesiĝas nur pri la kunveno kaj kio okazas en ĝi. Notu ke la bildo ne ŝanĝiĝas, sed oni vidas nur la lastan parton de la tuta okazaĵo.
Sed oni dume scias, ke origine iu aŭ io kaŭzis la agon, sen scii kiu aŭ kio,

sed ke ĝi ne okazas "per si mem".

Notu ke oni povas fari la Pasivon aŭ la Medialon nur, se en la Aktiva formo ĉeestas Gramatika Objekto (la viro kaj la sekretario), do nur kun Transitivaj Verboj.

Alia ekzemplo: Aktiva: "La registaro ŝanĝis la horon", Pasiva: "La horo ŝanĝatis de la registaro, Mediala: "La horo ŝanĝiĝis".

**Faktitivo.**

"Iu batigis la viron" kaj "Iu batatigis la hundon".

En la Faktitivo la sama bildo estas kreata de la observanto (aŭ de io alia), sed ŝi, li, aŭ ĝi nenion ŝanĝas en la bildo. Do anstataŭ simple diri, kio okazas en la bildo, en ĉi tiu kazo la observanto (aŭ io alia) unue diras ke li kreis bildon kaj post tio priskribas la bildon.

**Kiel nomi la kvar kazojn?**

En lingvismo oni nomas la kvar observmanierojn Gramatikaj Voĉoj. Ili do estas la Aktiva Voĉo, la Pasiva Voĉo, la Mediala Voĉo, kaj la Faktitiva Voĉo. En la Aktiva kaj en la Faktitivo oni povas havi ĉiajn verbojn, sed en la Pasivo kaj en la Medialo oni povas havi nur transitivajn verbojn, kiuj en la procedo en tiuj Voĉoj fariĝis netransitivaj (batatis; komenciĝas).

Sed en ĉiuj Voĉoj la bildo restas la sama.

Sed kiel indiki, kiun observmanieron oni uzas, kiun Voĉon oni uzas?

**Jen la respondo**:

En la AKTIVA VOĈO : 1e. La verbo ne havas voĉan sufikson.
2e. La origina aganto estas la Subjekto.
3e. La suferanto de la ago estas la (Rekta) Objekto.

En la PASIVA VOĈO: 1e. La verbo havas la sufikson "-ati".
2e. La suferanto de la ago fariĝas la Subjekto.
3e. La origina aganto eventuale fariĝas Adjekto kun la Prepozicio "de".

En la MEDIALA VOĈO: 1e. La verbo ricevas la sufikson "-iĝi".
2e. La origina aganto ne estas menciata.
3e. La origina suferanto fariĝas la Subjekto.

En la FAKTITIVA VOĈO: 1e. La verbo ricevas la sufikson "-igi").
2e. La observanto (aŭ io alia) fariĝas la Subjekto.
3e. La Subjekto de la Aktiva Voĉo fariĝas la Gramatika Objekto.
4e. La Subjekto de la Pasiva Voĉo fariĝas la Gramatika Objekto.
5e. Eventuale oni povas aldoni la Aktivan Objekton
aŭ la Pasivan "de"-Adjekton.

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# El Perto

## Nekrokodila kunveno



Je nia nekrokodila/neetnalingva horo pasintan sabaton en la Ŝtata Biblioteko, ni renkontis la junan mararmeanon, Aaron House. Estis plezure interbabili kun tiu fervora Esperanto-komencanto. Aaron naskiĝis en Anglio, mallonge loĝis en

la orientaj ŝtatoj de Aŭstralio, jam vizitis la Melburnan E-Klubon, kaj estas nun postenita ĉe *Garden Island* apud Perto. Li diris, ke lerni Esperanton ebligos lin renkonti geamikojn kien ajn lia ŝipo endokiĝos



La sola alia partoprenanto en nia rondeto estis Trish O'Connor. Do, eta sed bela kunesto. *Vera Payne*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Finnlando





"Lahtio en Finnlando estas malgranda urbo inter arbaroj kaj lagoj. Preskaŭ sen aŭtomobiloj aŭ homoj! La kongresejo situas en glacihokea areno iom for de la urbomezo. La kongreso mem donis multajn ŝancojn aŭdi interesajn prelegojn, aŭdi belan muzikon kaj amikiĝi kun multaj partoprenantoj. Ni ekskursis al boacbieno kaj "Husky" bredejo, kaj poste iris per boato laŭ kanaloj kaj lagoj al Lahtio.

Oni voĉdonis por la nova estraro kaj Duncan Charters el Usono nun iĝis Prezidanto. Mi havis la honoron esti invitita al recepto en la urbodomo kiel deligito de Aŭstralio. Ĝi estis bunta afero kun ĉampano kaj frandaĵo el Finnlando. Estis kun peza koro foriri el miaj amikoj sed espereble ni renkontiĝos en Montrealo en 2020. *Heather Heldzingen*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# ESPERANTO -TAGO en Lokossa/Benino 2019.



Okazis la 26 an de julio 2019 en lokossa ĉe Esperanto Centro ACM (Afrika Centro Mondcivitana), Esperanto-Tago. Partoprenis al tiu grava evento 40 homoj, el kiuj estis instruistoj kaj studentoj.

Kiel fiksite, je la 10 a ni komencis la eventon per la himno de esperanto fare de antaŭaj gelernantoj de Hezekiel. Post tio, la prezidanto, direktoro , fondinto nome de sinjoro Francois Hounsounou prezentis la Esperantan movadon al la partoprenintoj dum kio li klarigis ekzistantajn strukturojn kaj rilatojn inter ili.
Sekvis la prezentado de diversaj esperantaj dokumentoj per ekspozicioj laŭ la celo de la tago. Motivigitaj post la prezentado, ili tuj interesiĝis kaj hastis konatiĝi kun la lingvo ( Iniciato al Esperanto). Cyprien Guiya gvidis dum du horoj tiun kurson per diversaj metodoj kaj invitis ilin aliri kurso-n, Prevo-n kaj lernu.net por memlerni.



Je la fino de la kurso, la unua volontulo de la projekto volontula-instruado de Esperanto en Afriko, nome Hezekiel Kede Gadji ricevis sian finvolontulan atestilon. Li ŝatus ke la venonta volontulo daŭrigu lian komencitan laboron kaj efike plenumi la taskon en la centro.
Dum 1 horo la partoprenintoj paŭzis por interkonatiĝi kaj manĝi.
Je la 15 a estis promenado tra la urbo de Lokossa por atingi la publikan lokon kie okazos ludo je la 16 a. Tie prezentadis la infanojn de S-ro Ekon Aubin memdefendan ludon (Taikouando). Je la fino de tiu ludo por gratuli la teamon, kaj allogi ilin al la movado, la Centro ofertis al ili premiojn (gazetojn kaj poŝvortarojn).



Notindas la loka radio intervjuis la partoprenintojn pri la okazintaĵo en franca kaj en lokaj lingvoj.
Raportis, *François Hounsounou* (Prezidanto-Fondinto)





# Esperanto-tago en Brisbano

Esperantistoj el sud-orienta Kvinslando kunvenis por festi ESPERANTO-TAGON en la hejmo de Linda kaj Petro Danzer en Kabultjur. Ankaú ni interbabilis en Esperanto; ne "krokodiloj " permisis.



Poste ni ĝuis bankedon en proksima restoracio.



Sendis *Peter Danzer*






★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*